# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 05/10/2017 Tricent- kvardekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio* Google Translate* Pasintaj eldonoj*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **1,040,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **218,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,260,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Forpasis Marjorie Boulton





La 30-an de Aŭgusto, en la aĝo de 93 jaroj, forpasis Marjorie Boulton, unu el la plej ŝatataj Esperantaj verkistoj, honora membro de UEA.

http://www.liberafolio.org/2017/08/31/forpasis-marjorie-boulton/

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. Ĵ.



La pronomoj anstataŭas substantivojn (inkl. infinitivojn), kiel "ŝi" kaj "kio", adjektivojn, kiel "tia", kaj adverbojn, kiel "iam" kaj "tiel". Ili do estas substantivaj aŭ adjektivaj aŭ adverbaj. En kelkaj etnaj lingvoj oni nomas pronomoj nur la substantivajn. La samaj dividas tiujn pronomojn en plurajn specojn, kio por Esperanto ne havas utilon: ni simple lernas ilin. Pli gravas ĉu ili povas ricevi finaĵojn, kaj kiujn. La substantivaj mi, ci, li, ŝi, ni, vi, ili, si, kaj oni ne ricevas la pluralofinaĵon sed povas ricevi la akuzativan "-n". Ili neniam kunmetiĝas kun aliaj radikoj (ankaŭ afiksoj estas radikoj), ĉar ili estas tro mallongaj. La substantivaj io, tio, kio, nenio, ĉio kaj iu, tiu, kiu, neniu, ĉiu povas ricevi KAJ la pluralon "-j" KAJ la akuzativan "-n", sed neniam kunmetiĝas kun aliaj radikoj. Ili krome povas ĉehavi la adverbon "ĉi" signifantan pli da proksimeco.

Notu ke "kio(j)" kaj "kiu(j)" uzatas ankaŭ kiel rilataj pronomoj por ligi subordan propozicion al sia ĉefpropozicio.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 3. En la punlaborejo (2a ero)

Mi bone, eĉ bonege konis eminentan esperantiston en Kopenhago. Fakte mi konis multajn, sed tiu ĉi elstaras en mia memoro. Li estis Leonid Vasiljev, rusa militkaptito, kiu restis en Danlando post la unua mondmilito. Tre saĝa homo estis Vasiljev. Li sin vivtenis multobligante dokumentojn kaj tiajn aferojn por komercistoj en Kopenhago.

Lin mi invitis veni al la punlaborejo por prelegi pri Esperanto, kaj tion li faris, kaj fariĝis tre populara inter la pacamantoj !

Vasiljev tre bonege parolis la danan, kaj mi pensis tiam, ke se mi povus lerni paroli Esperanton same bone, kiel li la danan, tiam mi devus esti eĉ tre feliĉa. Mi ne scias, ĉu mia Esperanto nuntempe estas tiom bona, kiom la dana de Vasiljev, sed tamen mi fakte estas feliĉa, do ion mi gajnis en la vivo !

Malgraŭ la ŝajndemokrateco de la registaro, estis malpermesite al ni forlasi Danujon dum nia punado. Tio ne estis demokrata. Poste danaj soldatoj militis en Jugoslavujo, kaj nuntempe ankaŭ en Irako. Tio pruvas al mi nur ke pacamantoj ne rajtas vojaĝi, dum soldatoj rajtas, ili eĉ eniras aliies landon sen pasporto, biletoj kaj vizo !

Kaj okazis germana Esperanto-kongreso en Hamburgo dum pasko. Ankaŭ mi emis preni parton. Sed la prezo de la ir-revenbileto estis iomete tro alta por mi pro mia modesta enspezo en la labortendaro.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Melburno



Sep esperantistoj el Melburno preferis ekskurson ol la fama fina piedpilko -matĉo de la sezono. Ni trajnis al Warrnambool Vendredon frue en la mateno. La pluvo, kiu akceptis nin, ne estis bona aŭguro, sed ĝi ne longe daŭris kaj ni ĝoje promenis en la botanika ĝardeno kaj laŭlonge de la marbordo, ĝuante la ondojn kaj la venton. Iumomente ni ekvidis nigrajn formojn preskaŭ je la surfaco de la maro : ĉu balenaro? Sed ne, la fotoj de Jo pruvas ke temas nur pri marherboj. Kia elreviĝo!

Kompreneble ni havis ludvesperon: La elektita ludo estis la kartludo " jukantaj piedoj", tute taŭga por vojaĝemaj esperantistoj.. Ĉiu ludanto ricevas pasporton kaj devas atingi la landon menciitan en sia karto kondiĉe ke li/ ŝi kapablas trovi la tri petitajn aĵojn necesajn por eniri la landon. Ne tiom facile, kiam la ludantoj rajtas ŝteli kartojn de la aliaj aŭ subite ĉiu devas doni siajn kartojn al la najbaro.

Antaŭ ol trafi la trajnon por retroiri al Melburno, ni vizitis la maran muzeon kaj la malnovan vilaĝon apud ĝi. Multaj ŝippereoj okazis tie, tamen en la 19a jarcento la maro estis la plej rapida

vojo al Melburno: du aŭ tri tagojn kontraŭ tri semajnoj per tera vojo. Hodiaŭ la trajno bezonas kvar horojn.



*Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# NI FORĴETU NIAN NAIVECON.



Jes, mi opinias ke ni, la esperantistoj de Aŭstralio, estas naivaj, kvankam kutime bonkoraj. Naiveco en si mem ne estas malbona karaktero, sed ĝi malutilas kiam ni devas rilati al la neesperantista mondo ĉirkaŭ ni, en kiu la malgranda nenaiva parto regas kaj diktatorumas la reston.

Jen kelkaj aspektoj de ĉi tiu malforteco, kun proponoj kiel senigi nin for de tiuj naivecoj.

**Unue:** Esperanto ne estas, kaj ne bezonas esti, granda amasmovado, kiajn oni renkontas batalantaj kontraŭ registaroj kaj kontraŭ ties multaj agoj por sia propra bonstato kontraŭ la bonesto de la de ili regata popolo. Niaj gajnoj do estas tre modestaj, kompare kun tio, kion aliaj ideoj kaj idealoj sukcesas atingi. Por la homaro en si mem ni ne povas esti same gravaj kiom revolucioj kaj aliaj ŝanĝoj sociaj. Niaj eĉ grandaj sukcesoj malgravas kompare kun militoj kaj inundegoj kaj tertremoj, kaj bataloj por sociaj rajtoj, kaj kun la detruado de la mondo aŭ de ĝiaj partoj, kaj eĉ malpli kun mondaj malsatoj kaj malsanoj. Ni estu pli

modestaj pri nia graveco, kaj ni komprenu, ke tial la homoj ne grandamase pri ni interesiĝas. Ni estu pli humilaj, kvankam ni ne perdu pro tio nian idealon de universala helplingvo. Ni do ne naive vidu Esperanton kiel la kuracilon de ĉiuj homaj malbonoj. Se ni laboras, kelkaj laboregas, pli por Esperanto ol por aliaj idealoj, tio estu nur, ĉar la aliaj idealoj jam havas relative tre multe da adeptoj kompare kun nia idealo.

**Dua** aspekto de nia naiveco estas ke, ĉar niaj sukcesoj estas relative malgrandaj, ni trovas ĉiun etan sukceseton gravega, speciale se ni mem helpis la sukceson. Ni fieras kaj ĝojegas kaj gloras kaj festas pri ĝi. Ni trovas la etan sukceson esti gravega por la tiel nomata fina venko de Esperanto. Ni naive ne konscias, ke vere ne temas pri multo en la kadro de la homaraj bezonoj, kaj ke cetere la sukceseto estas verŝajne nur mallongdaŭra.

**Tria** naiveco estas, ke ni pensas ke eblas konvinki edukministrejojn pri la utilo de Esperanto. Ni malsaĝe kredas, ke iliaj interesiĝmontroj kaj esperdonoj kaj promesoj estas sinceraj kaj fideblaj. La historio de niaj penoj enkonduki Esperanton en lernejojn montras, ke nur kun gigantaj helpoj ni havas sukceson pri tio. Niaj naivaj kredoj fiaskas, ĉar ni forgesas plenumi la multajn samtempajn kondiĉojn necesajn por havi iun valoran sukceson. Pro tio ni perdas valorajn tempon kaj energion kaj monon, uzindajn por pli fruktedonaj provoj modestaj ĉe aliaj agceloj.

**Kvara** naiveco estas akcepti, ke ni esperantistoj estas pli bonkarakteraj kaj pli amikemaj inter ni ol la ĝenerala publiko. Ni lastotempe spertis la kontraŭon kaj suferis pro tio.

**Kvina** naiveco estas, ke ni pensas kaj propagandas, ke Esperanto estas pli facile lernebla ol etnaj lingvoj. Tio ne estas vera: ĉiu lernenda lingvo estas ege malfacila, kaj ni misinformas nin mem kaj niajn instruotojn. Kial Esperanto estas supera al la etnaj lingvoj estas, ke oni lernas ĝin dum kvinono de la tempo necesa por lerni etnan lingvon.

**Sesa** naiveco estas la kutimo, ne lerni el antaŭaj spertoj la lecionojn, kiujn al ni donas malsukcesoj en antaŭaj propagandoj. Ni ripetadas malsukcesojn, naive ripetante propagandilojn kiuj montriĝis neutilaj. Ni ne lernis.

**Pro la ĉi supraj konsideroj mi konsilas apliki la jenajn gvidliniojn por nia laboro.**

**Unue:** Por ne plu riski nenecesajn kverelojn inter ni ni strikte observu kaj apliku la kutimajn regulojn interagajn kaj moralajn dum nia interlaborado, kaj ni strikte obeu la oficialajn kaj leĝajn regulojn uzatajn dum asocia kunlaborado kaj dum kunvenoj kaj kongresoj.

**Due** ni estu pli modestaj pri niaj eventualaj sukcesoj, kiuj mondskale estas nur etaĵoj. Tiel ni ne konstruas senutilan misjuĝon de negravaĵoj.

**Trie** ni lernadu el la multaj malsukcesoj kaj el la multaj misjuĝoj de nia pasinta agado. Tio postulas malferme kaj publike ekzameni ĉiujn pasintajn sukcesojn kaj malsukcesojn kaj perdojn de niaj tempo, energio, kaj mono. Ni ne fermu niajn okulojn antaŭ malutilaj propagandoj niaj.

**Kvare** ni pli realisme oferu nian lingvon al la publiko, ne nur substrekante la idealon de Esperanto, sed ankaŭ ĝian praktikan utilecon, sed ni dume honestu pri la malfacilo lerni fremdan lingvon.

Kaj **fine** ni komencu registri kaj priskribi, en skribita formo por ĉiuj esperantistoj , ĉiujn niajn antaŭajn propagandojn, por uzi la informojn kiam ni planas reklamojn por krei novajn esperantistojn.

Marcel Leereveld.

# SIMPLE VOLIS KUNVETURI



## Sperto en Sudafriko

Antaŭ nelonge mi vizitis la duan fojon Sudafrikon kaj loĝis ĉe geamikoj, kiuj vivas multajn jarojn tie. Ĉiufoje ege konsternis min la interrasaj problemoj. Antaŭ ol iri tien la unuan fojon mi legis la libron de Mandela, *Longa Marŝo al Libereco.* Kortuŝis min liaj idealoj kaj lia pasia deziro al libera Nigra Afriko, al lando, kie afrikanoj fine povos vivi liberaj je persekutado; kie ili povos posedi sian propran teron, regadi sin mem, kaj vivi harmonie kaj pace inter si kaj kun tiuj blankuloj, kiuj elektos resti. Ho ve! Tiu idealo estas ankoraŭ tute ne plenumita. Jes ja, ili havas propran registaron. Estas multaj pliboniĝoj en iliaj vivoj. Sed apenaŭ percepteblis harmonio inter nigruloj kaj blankuloj. La du rasoj kunekzistas, precipe en la grandurboj, sed estas tre malmulte da kontaktoj inter ili.

Estas tiom da malriĉeco kaj senlaboreco inter nigraj sudafrikanoj. Rezulte estas oftaj kazoj de violenta agado. En ĵurnaloj kaj televido estas ĉiutage raportoj pri konfliktoj: atakoj kontraŭ bienoj, en lernejoj, raportoj pri seksperforto kaj murdo. En la antaŭurbo, kie loĝas miaj geamikoj, nigraj afrikanoj servas en butikoj kaj bankoj, kaj estas amikemaj kaj ridetemaj. Sed krome estas multe da malfido kaj timo.

Tion mi forte spertis iun tagon, kiam mia amikino Jane prenis min ekskursi en la montojn. Ŝi volis montri al mi plej ŝatatan lokon sian; ŝi ne estis tie dum jaroj kaj volis ree viziti ĝin. Ŝi misterumis pri ĝi. Estas, ŝajne, io tre speciala ĉe la montopinto. Ni veturis supren, supren. La vojo malboniĝis, la grimpado iĝis pli kruta, kaj la zigzagado pli akuta. Mi sentis min tre nervoza. La aŭto estis malgranda, ne kvarrade pelata vehiklo, kaj la deklivoj estis tre krutaj. Mi kunpremis la dentojn, esperante, ke la afero penvaloros. Fine ni atingis la supron. La tereno ebeniĝis. Ni sentis nin kvazaŭ ĉe la supro de la mondo. For, for de la civilizacio.

“Rigardu,” diris Jane, kaj ŝi fingromontris maldekstren. Estis lago – vere bela eta lago, nur iomete sub ni. Estis tia surprizo trovi ĝin tie supre. Monta lageto. Ne farita akvobaraĵo. Ni veturis etan distancon laŭ padeto kaj parkumis.

“Ni iru al la lagorando,” diris Jane per softa, respektoplena voĉo.

Ni do faris tion. Ni marŝis eble 40 metrojn tra arboj ĝis la bordo kaj staris, okulravite. Ĝi ŝajnis preskaŭ sakrala loko. Tiel silenta. Nur unu-du birdoj, glatsurfaca akvo redonanta la sunbrilon.

Subite venis tre mallaŭte tra la arboj viro, nigra afrikano. Juna sed altkreska kaj fortkorpa. Li venis tre proksimen, haltis, kaj parolis. Mi ne komprenis lin, mi ege timis. Kiel vundeblaj kaj sendefendaj ni estis – du maljuniĝantaj blankulinoj en tiu ĉi izolita loko!

“En ordo,” diris Jane firmavoĉe.

Mi ne sciis, kion ŝi volas diri, aŭ ĉu ŝi komprenis liajn vortojn. Ŝi prenis mian brakon kaj flustris, “Ni reiru al la aŭto.”

Mi sekvis ŝin laŭ la pado kun batanta koro, provante resti trankvila. La viro sekvis nin. Ni rapide enaŭtiĝis kaj mi ŝlosis mian pordon. Jane ekfunkciigis la motoron kaj ni ekveturis. Mi rigardis retroen kaj vidis, ke la viro staras meze de la vojo kun etenditaj brakoj kaj esprimo de nekomprenanta surprizo sur la vizaĝo.

Kiam ni preteriris vojkurbiĝon Jane diris, “Mi kredas, ke li simple volis kunveturi – reen al la vilaĝo apud la ĉefa vojo.”

Tiu incidento vere skuis min. Ĝi daŭre hantas mian memoron. Ĝi ŝajnas simbolo de la tuta nigrula-blankula situacio tie.

Ni tre timis. Lia bezono estis simpla kaj aŭtenta. Vundis lin, ke ni rifuzis lian peton, kaj tiu vundiĝo iĝos indigno, parto de la nigrula indigno kontraŭ blankuloj.

Kiel facile estintus doni al li transporton. Eta paŝo en la direkto de rasa harmonio. Sed ankaŭ ni estis infektitaj de la ĝenerala blankula timo. La problemo ŝajnas nesolvebla.

*Trevor Steele*

# Semajna raporto de Melburno



## EKSKURSO AL WARRNAMBOOL

Sep melburnaj esperantistoj vekiĝis tre frue je vendredo la 29a de Septembro por trafi trajnon je 7atm al Warrnambool. La vojaĝo daŭris kvar horojn sed ŝajnis malpli ol tio ĉar ni multe babilis kaj ĝuis la preterpasantan pejzaĝon de la kamparo. Ni vidis bovojn, ŝafojn, lamojn, ĉevalojn kaj okulfrapante flavajn kampojn de kolzo.





Ni eltrajniĝis ĉe Warrnambool kaj tuj pluvegis - pluvgutoj iris preskaŭ horizontale kaj ni ĉiuj timis pri la cetero de la semajnfino. Sed kiel bonaj Melburnanoj, ni simple atendis dek minutojn kaj la vetero pliboniĝis (kaj restis sufiĉe bona post tiam!). Ni promenis al nia hotelo, trovis niajn ĉambrojn, kaj rerenkontiĝis por tagmanĝo ĉe loka drinkejo.

Post tagmanĝo ni esploris la botanikan ĝardenon, kiu estis ne tre granda sed certe ĉarma.





Post tio ni promenis al la plaĝo, esperante vidi balenojn, malgraŭ ke estas iom tro malfrua en la sezono. Ni ekvidis ombrojn preter la ondoj, sed post kelkaj minutoj de fiksrigardado kaj fotado, ni konstatis ke ili ne vere moviĝis kaj estis nek balenoj, nek delfenoj, sed algo.






Ni vespermanĝis ĉe restoracio kiu ofertis veganajn kaj senglutenajn manĝojn, kaj poste reiris al la hotelo por havi nian kutiman ludvesperon. Jenny kunportis la kartludon “Itchy Feet”, kiu bone respegulis la bonajn kaj malbonajn aspektojn de vojaĝado. La ludo estas en la angla, sed enhavas Esperantan pasporton.

Je Sabato ni matenmanĝis ĉe la sama restoracio (kial ne!?) kaj iris al “Flagstaff Hill”, kiu estas mara muzeo, simila al la stilo de Sovereign Hill kun malnovaj konstruaĵoj kaj historie kostumitaj volontuloj. Ni eĉ penis esperantigi la pastron antaŭ ol ni foriris por trafi la trajnon hejmen!











Pli da fotoj videblas ĉe nia Facebook page.

**VENONTAJ KUNVENOJ** Ni ne kunvenos lundon 9/10.

**Dimanĉon 8an de Oktobro je 15:00**

Dimanĉa kunveno ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

**Sabaton 28an de Oktobro je 19:00**

Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 928 Instagram – 102

Facebook – 309 Telegram – 18 Twitter – 319 *Joanne Johns*

## Amikumu

Saluton al ĉiuj,

Jen Richard Delamore. Do, antaŭ du semajnoj Amikumu (mia aŭstralia Esperanto-firmao) oficiale finis sian investadon. Mi verkis gazetanoncon por la evento kaj sendis ĝin al multaj aŭstraliaj ĵurnalistoj, kiujn mi vage konas. Tamen neniu el ili ŝajnas interesiĝi pri la afero. Ĉu vi povas sendi ĉi tion al la aŭstraliaj ĵurnalistoj, kiujn vi konas? Mi volas, ke la anonco estu kaŝita de la ĝenerala esperantistaro ĉar mi preferas surprizi esperantistojn per artikolo en tradicia gazeto. Ĉiuokaze, jen la gazetanonco. Vi povas redakti ĝin laŭplaĉe por viaj lokaj gazetoj:

*Aussie Language App becomes Worldwide Hit $140,000 raised in first round funding*

Kontaktu *Richard Delamore* Richard@amikumu.com +61 447 252 422



## La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas La 7an de Septembro, la unua sabato je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo.



## 3ZZZ



Ĝis la 16a de Oktobro ĉiu grupo de 3zzz devas instigi la aŭskultantojn donaci monon por ke la radio povu daŭre elsendi. Kiel vi scias la registaraj subvencioj malaltiĝas. Ni vere bezonas ĉies helpon. Kiel kutime Henry Broadbent estas preta akcepti viajn donacojn . Eblas kontakti lin aŭ telefone je la numero 59832731aŭ per retmesaĝo henryngb@bigpond.com

La teamo kore dankas vin informas la kunvokanto *Franciska Toubale*